Zesde Jaargang, Nummer 4 Verschijnt vierwekeliks 14 April 1934

LABORISTA ESPERANTISTO
ARBEIDER ESPERANTIST

ORGAAN VAN DE FEDERATIE VAN ARBEIDERS ESPERANTISTEN IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL

Redaksie: Middenweg 226, Amsterdam-O. Sekretariaat en Administratie van de Fed. van Arbeiders-Esperantisten: Postbus W 6, Amsterdam-W. Postgiro Amsterdam No. 144698. Gem. Giro A'dam F 930 In België: Tweemontstr. 124, Deurne-Antwerpen

Abonnementsprijs f 0.75 per jaar. Voor leden gratis. Prijs losse nummers f 0.05 per eksemplaar. Oplaag 4100 eksemplaren.

# RAPORTO

## pri nia 19a kongreso en Antverpeno, la 1an kaj 2an de Aprilo 1934

Estis la unua fojo, ke kongreso de nia Federacio okazis en Flandrio, parto de la nederlandlingva teritorio, kie nia organizo nur antaŭ kvin jaroj komencis veki la intereson de la laboristoj por nia afero.

Estas ĝojige, ke eĉ el la nombro da partoprenantoj al niaj kongresoj estas konstatebla la kresko de la anaro.

Ja nun vizitis ĝin 550 anoj malgraŭ la granda distanco, inter kiuj ĉ 100 delegitoj el 71 sekcioj. Aparte menciinde estas, ke la intereso por la kongreso restis ambaŭ tagoj, tiel ke ĉe la fermo ne malpli ol 350-400 ankoraŭ ĉeestis.

Por sekcio Antverpeno la tasko, akcepti la kongreson en sia urbo ne estis facila, ĉar ĉi tiu kongreso estis la plej granda el la ĝis nun okazintaj.

La fakto ke je la unua fojo nia kongreso oficiale estas akceptita de la urbestraro kaj ĝuis la favoron de ekskurso tra la haveno prezentita de ĝi, dum krome la urbo zorgis pri plantornamo de la salono, sufiĉe montras la aktivecon kaj bonvolon de niaj antverpenaj gekamaradoj.

Kvankam okazis 3 kunvenoj kaj kunsido por la SAT-anaro, la kongresaranĝoj estis tiel, ke restis tempo por rigardi la urbon, ĉar la plej multo jam alvenis sabaton.

Sabatvespere la kongresanoj estis bonvenigitaj per muziko kaj deklamo. Novajo en niaj kongresoj estis parolado pri interesplena temo de kdo E. Lanti, kiun la Fed. estraro tiucele invitis.

Estis kongreso el kiu ni denove ĉerpos fortan volon al daŭrigo de nia malfacila tasko.



### Oficiala akcepto en la urbdomo.

Pro tio ke la plejmulto de la kongresanoj jam venis sabate kaj dank' al la bela vetero, jam kelkajn horojn antaŭ la 11a, la tempo de la akcepto, kelkcentoj da esperantistoj travagadis la urbon. Ĉie oni vidis esperantistojn kiuj poste renkontiĝis ĉirkaŭ la bela legenda statuo de Brabo. Agrable pasis la tempo ĝis kiam ni povis eniri la urbdomon, kies akcepto-salono montriĝis, feliĉe, tro malgranda por enhavi la tutan kongresanaron.

La prezidanto de la kongres-komitato prezentis la Fed.-estraron al la urbestraro, reprezentita de kvar skabenoj kaj kelkaj konsilantaranoj, kaj skizis en sia alparolo la disvolviĝon de esp. en Antverpeno, ĉe kio li memorigas la intereson kiun ĉiam montris la urbestraro por la esperanto-movado. Li esprimis pro tio sian dankon, pli speciale por la morala subteno ĵus montrita. Skabeno Verrept nun salutas la kongresanaron en afabla parolado en kiuj li honorigas la esperanto-pionirojn aldonante, ke la esperantistaro ĉiam povas kalkuli je la subteno de la antverpena urbestraro, ĉar ĝi vidas en esperanto ilon celanta al mondpaco kaj alproksimiĝo de la popoloj. La prezidanto de la Federacio, kdo F. Faulhaber, nome de la kongreso respondis per jena, nederlandlingva, parolado:

Mijne heren Schepenen van de Stad Antwerpen!

In naam van de Federatie van Arbeiders Esperantisten in het gebied van de nederlandse taal, dank ik U voor de welwillende woorden, waarmee U ons kongres in Uw stad hebt welkom geheten.

Antwerpen is voor ons Esperantisten een biezondere stad. Zoals de voorzitter van de Antwerpse afdeling heeft gezegd, is 't niet de eerste maal, dat de stad Antwerpen aan een Esperanto-kongres gastvrijheid verleent.

Het gedenkwaardigste kongres van deze aard, was wel het 7e Universele kongres van 1911, dat door 42 nationaliteiten werd bezocht en waar de schepper van het Esperanto, Dr. Zamenhof, persoonlik de besprekingen leidde, die slechts in één taal, het Esperanto werden gevoerd.

Voor de 7e maal zag Dr. Zamenhof toen in een internationaal kongres de levensvatbaarheid van zijn ideeën en de praktiese bruikbaarheid van zijn taal bewezen.

Hier in Antwerpen legde hij wederom getuigenis af van zijn idealisme, van zijn hoop op broederschap en vrede, die hij met zijn taal tussen de volken wilde verwezenliken.

Sindsdien is bijna een kwarteeuw voorbijgegaan. Zamenhof's schepping heeft zich ondanks alle tegenstand niet alleen weten te handhaven, maar zich ook krachtig in de wereld verbreid en in alle klassen van de maatschappij aanhangers gevonden.

De arbeiders-esperantisten onder hen, hebben echter begrepen, dat niet alleen het taalverschil de volkeren van elkaar gescheiden houdt en de menselike broederschap in de weg staat, maar dat ook andere faktoren op sosiaal en ekonomies gebied voor de oorspronkelike idealen van Dr. Zamenhof een beletsel zijn.

Zij propageren daarom het Esperanto als een middel in hun internationale strijd voor een betere samenleving.

Aan de leuze: „Arbeiders aller landen verenigt U", heeft het Esperanto voor ons dan ook een meer tastbare inhoud gegeven.

Steeds meer en steeds beter leert men de grote waarde van het Esperanto beseffen.

Vooral in deze tijd, waarin de volken op angstwekkende wijze weer tegenover elkander komen te staan heeft het Esperanto een belangrijke roeping te vervullen.

In onze propaganda hebben wij dan ook niet in de laatste plaats het oog gericht op *het kind* en de invoering van *Esperanto op de scholen* is daarom een onzer voornaamste doeleinden.

Door Esperanto immers is het kind in staat andere volken te leren kennen en waarderen, terwijl het hem zal behoeden voor nationale vooroordelen.

Het is noodzakelik om voor dit belangrijke deel van onze taak de overheid te interesseren en daarom is het ons een groot genoegen om ter gelegenheid van ons kongres belangstelling en medewerking te mogen ondervinden van het bestuur van deze stad.

Nog ontmoeten we skeptici, die in Esperanto niet geloven omdat het een *kunsttaal* zou zijn; nog ervaren we, hoe vooraanstaande lieden in het openbare leven, in vak- en politieke beweging afwijzend staan tegenover ons streven omdat Esperanto een *dode taal* zou zijn.

Maar ook dit kongres zal wederom bewijzen dat Esperanto is een *levende* taal, in staat om uitdrukking te geven aan al hetgeen er in verstand en gemoed omgaat.

Wij hopen, dat het plaats vinden van ons kongres in Uw stad aan onze zaak, ook in dit gedeelte van ons organisatie-gebied, een krachtige stoot zal geven.

Wij danken U ten zeerste voor de gastvrijheid, waarmede U ons kongres hebt ontvangen, alsmede voor al hetgeen Uw bestuur hebt geregeld om ons het verblijf in de stad Antwerpen te veraangenamen. Uw belangstelling en medewerking zijn voor ons kongres een grote morele steun die wij ten zeerste op prijs stellen.

Ik dank U.

Per ĝi finiĝis la oficialajo, kiu ambaŭflanke faris bonan impreson. Poste ĉiuj havis okazon rigardi la ĉefajn salonojn kaj ĉambrojn de la bela malnova urbdomo.



# Malfermo.

Kiam je la 14a horo de la unua kongrestago kdo Willekens, nome de la antverpena sekcio, bonvenigis la kongreson, la salono estis plenplena.

Post tiu lia bondeziro la prezidanto, kdo F. Faulhaber, malfermis per jena parolado:

En nomo de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la nederlanda lingvo mi kore salutas vin en tiu ĉi nia 19a Kongreso.
Aparte mi salutas niajn 17 novajn sekciojn, kiuj post nia lasta kongreso aliĝis al nia organizo.
Ankaŭ mi bonvenigas kdon Laroche, la ĝeneralan sekretarion de la Federacio de Sindikatoj en la distriktoj Antverpen kaj Turnhout, kiu montras per sia ĉeesto sian intereson por nia afero.
Nia nuna jarkunveno havas specialan karakteron pro tio, ke ĝi okazas en alilanda parto de nia lingva regiono.
Estas bone, ne ĉiam kongresi en regiono, kiu estas dense loĝata de niaj membroj. Estas utile ankaŭ kunveni en distrikto, kie nia movado ankoraŭ ne tiel profunde enradikiĝis ol en la konataj centroj.
Tio ne nur estas propaganda por nia afero en la kongresloko kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, sed ankaŭ instrua por ni ĉiuj, ĉar ni pli intime povas konatiĝi kun niaj tieaj membroj kaj kun la cirkonstancoj en kiuj ili devas fari sian laboron por nia organizo. Tio gardos nin kontraŭ landa, provinca, urba aŭ sekcia „ŝovinismo".
Pro tio ni tre ĝojas, nunjare esti la gastoj de niaj sudaj gekamaradoj, al kiuj ni per nia kongreso volas doni fortan moralan subtenon por ilia laboro.
Ne facile estis al ili aranĝi tiun ĉi kongreson. La Antverpena organiza komitato staris antaŭ multaj malfacilaĵoj, pri kiuj ĝi devis ofte korespondi kun la federacia estraro. Ĉefe kaŭzis la malfacilaĵojn la fakto, ke ne estis supozeble ĝustatempe, kiom da personoj vizitos la kongreson, kiu tiun ĉi fojon okazos malproksime de la multmembraj centroj de nia federacio.
Mi ĝojas, ke la vizito montras, ke la komitato ne bezonas bedaŭri sian penadon.
Krome ĝi sukcesis akiri la intereson de la komunuma estraro, kiu hodiaŭ-matene akceptis nin en la urba domo kaj morgaŭ prezentos al ni ekskurson sur la Skeldo.
En la nomo de nia Kongreso mi esprimas al la Antverpena sekcio-organiza komitato tutkoran dankon por ĉio kion ĝi faris, faras kaj faros. Mi esperas ke niaj kunvenoj havos por niaj ĉi tieaj gekamaradoj instigan efikon, por ke nia afero en tiu ĉi regiono grave progresu!

Karaj gekamaradoj!
Denove pasis unu jaro! Ĝi estis jaro da intensa laborado, jaro da vigla propagando, jaro, dum kiam nia federacio faris denove grandan paŝon antaŭen.
Antaŭ 3 semajnoj nia organo sciigis al vi, ke la nombro da sekcioj plialtiĝis ĝis 81. Sed intertempe aliĝis nova sekcio **Vierpolders** en la provinco Suda Holando, dum Hago Va definitive aliĝis. Hodiaŭ ni ricevis leteron el Wormerveer, sciigantan la fondiĝon de sekcio **Wormer.**
Konsiderante, ke en la pasinta jaro ni kreskis per 19 grupoj, ni kuraĝas esperi, ke la venontjara kongreso festos la fondiĝon de la 100a sekcio. Por atingi tion, ni atendas multe de la urbaj kaj provincaj distriktoj.
Nia membro-nombro plialtiĝis de 1892 ĝis 2340, sekve ni kreskis per 448 membroj.
En la kursa sezono 1932-1933 ni eldonis kaj vendis 3000 ekzemplerojn de nia lernolibro, — en la nuna sezono la nombro 4000 apenaŭ sufiĉis.
La propagandon subtenis 50 ekspozicioj, dum dekmiloj da propagandiloj estis vendataj aŭ disdonataj, el kiuj mi aparte mencias: la majan numeron de „Laborista Esperantisto" en 65.000 ekz., la broŝuron de kdo De Bruin en 6500 ekz. kaj la broŝuron pri „Esperanto op de Scholen" en 2000 ekz.
Sur la stratoj 1500 afiŝoj tiris la atenton de la publiko. En diversaj gazetoj laboristaj aperas regule Esperanto-rubrikoj en kelkaj eĉ kursoj.
Kompreneble la nunaj ekonomiaj cirkonstancoj influis niajn rezultatojn, sed ni konstatas, ke malgraŭ la krizo nia federacio tamen progresas kaj sukcesis fariĝi la plej granda organizo en nia lingvo-regiono.
Tiun rezultaton ni dankas al la idealismo, laboremo kaj oferemo de niaj membroj.
La verda stelo estas por multaj, kiuj estas trafitaj de la krizo, la lumo, kiu heligas ilian grizan ekzistadon kaj subtenas ilian esperon kaj kredon en la laborista afero.
En tiu ĉi kongreso partoprenas multaj, kiuj, ne povante pagi la vojaĝkostojn, oferis la grandan penadon bicikli longan distancon, por esti kelkajn tagojn aŭ horojn en la atmosfero de la laborista esperantismo. Al ili nian honoran saluton!
Gekamaradoj!
La kresko de nia federacio postulas pli kaj pli multe de niaj energio kaj financoj.
Nia atento devas direkti sin al diversaj flankoj:
al la problemo de la kursgvidado kaj kursgvidantoj,
al la propaganda kapablo de malfortaj sekcioj,
al la plisimpligo de la administrado,
al la organizado de la ekzamenoj,
al la konsekvencoj de la infankursoj,
al la pli perfekta aranĝado de la gazetarservo, al la eldonado de propagandiloj kaj instruiloj; *kaj konsekvence de ĉio ĉi tio:* al la pligrandiĝo de la nombro da seriozaj, fervoraj kaj persistemaj kunlaborantoj.
La provincaj distriktoj iom post iom suriras la deziratan vojon. En tiuj instancoj kiel ankaŭ en la federacia konsilantaro ni trovos pli kaj pli la rezervujon de laborkapablaj kaj laboremaj personoj, al kiuj ni povos konfidi la plenumon de diversaj taskoj farendaj, dum la Libro-Servo estas grava helpo rilate la financan flankon kaj jam *tiom* montris sian utilon, ke sen ĝi ni ne povus daŭrigi nian laboron laŭ nuna skalo. Bedaŭrinde ankoraŭ ne ĉiuj membroj komprenas tion. Aĉetonte siajn librojn, ili preterpasas nian Libro-Servon tiel malutilante al sia propra organizo.
La Libro-Servo eldonis pasintjare: La Konsilanto, Nia Lerno-libro, Vóór 't Eksamen A, „Wat ieder van Esp. weten moet" kaj la afiŝon de kdo De Geest, kaj krom tio ĝi kunlaboris kun SAT rilate la eldonadon de „Gvidilo tra la Esperanto-Movado", „Fremdvortoj en Esperanto" kaj la 2an eldonon de „Plena Vortaro", kiu baldaŭ aperos.
Niaj rilatoj kun SAT estis plej bonaj. Dank' al nia pasintjara decido niaj anoj ricevas nun ĉiumonate „Sennaciulo" 'n kaj estas per ĝi do internacie informataj pri tio, kio estas interesa por laborista esperantisto.
Precipe en tiu ĉi tempo tiu decido estas tre grava, ĉar multaj, pro senlaboreco aŭ malaltigo de salajro ne povas aŭ ne plu povas aparte **aboni** internacian gazeton. Per „Sennaciulo" niaj anoj havas internacian kontakton, kiu estas nemankipova por laborista Esperantisto, dum ĝi faras al ili la aliĝon al SAT pli facila.
Kvankam restas ankoraŭ multe por deziri rilate la perfektigon de nia organizo, ni tamen, konsiderante la nunajn cirkonstancojn kaj la esperantistan vivon en aliaj organizoj, ni ne povas esti malkontentaj.
Kiam antaŭ 6 jaroj nia organizo pro senĉesaj internaj bataloj estis mortonta, ni komencis kun 75 membroj en 5 sekcioj la reorganizadon. Hodiaŭ ĝi okupas ĉiurilate la plej gravan lokon inter la esperantistaj organizoj en la regiono de nia lingvo.
La sperto montras, ke nur en konkordo, severe tenante la ĉikanulojn kaj skismemulojn for de ni, ni povos persiste kaj sukcese labori por la tasko, kiun la federacio starigis al si.
Ĉirkaŭ ni furiozas la ondoj de la faŝismo. En Germanio kaj Aŭstrio la laboristaro sklaviĝis. En Francio kaj Hispanio la tero tremis. La muroj de la laboristaj loĝejoj en Vieno, simboloj de laborista kulturo, falis sub la perforta mano de la reakcio. Al niaj batalintaj kamaradoj ni esprimas nian solidaran kunsenton.
Ekonomia kaj spirita krizo regas en ĉiuj landoj kaj minacas la kulturajn instituciojn de la laborista movado.
Tio instruu nin dediĉi ĉiujn niajn fortojn al tiuj kulturaj organizoj, kiaj fariĝis nia Federacio kaj SAT.
Gekamaradoj!
Ni ne povas kongresi, ne havante antaŭ niaj spiritaj okuloj la bildon de nia Majstro.
Danke ni ĉiujare rememoras lin.
Sed por la burĝaj esperantistoj en la faŝistaj landoj li fariĝas timiga fantomo, kiu senĉese frapadas ilian konsciencon.
Lia „interna ideo", kiel ajn nesufiĉa ĝi estas por ni laboristoj, estas por ili *revolucia* kaj *danĝera*, kaj tial embarasigas ilin.
Pro tio ili klopodas puŝi la judon Zamenhof kaj lian internan ideon malantaŭen, por ke li ne aperu plu en iliaj sonĝoj, kaj ili klopodas adapti Esperanton al celoj faŝistaj.
Sed neniam la ideoj de Zamenhof havis tiom da signifo, kiom en la nuna tempo, kvankam ni konfesas, ke ne sufiĉas unueca lingvo por fari la mondon pli feliĉa.
Ni scias, ke necesas forigi la sociajn kaj ekonomiajn barojn, kiuj malhelpas la homaron atingi la idealojn de nia Majstro.
Tial ni pli ol antaŭe propagandu Esperanton en niaj politikaj organizoj kaj sindikatoj, por ke ĝi estu uzata en la internacia batalo de nia klaso por pli bona socio. Tiel ni plej bone servas al la Zamenhofa idealo.
Necesas por tio plifortigi nian federacion; laboradi por ĝia celo, flanke lasante ĉion, kio ne rekte rilatas ĝian taskon.
La pasinteco instruu nin pri la estonteco.
Ni ne forgesu ke la historio senindulĝe notas la faktojn.
Ni do zorgu, ke kiam ni poste legos aŭ relegos ĝin, ni ne renkontu paŝojn kaj decidojn, kiujn ni devos bedaŭri. Do gvidu nin niaj spertoj!
Ni bone komprenu la nunan tempon. Ni komprenu, ke ĉies fortoj kaj ĉies oferemo estas necesaj por plue konstruadi niajn organizojn.
Gekamaradoj, estu tiu ĉi kongreso fruktedona kaj gravsignifa por la estonteco de nia federacio kaj tial por la estonteco de la esperanta kaj la laborista afero.
Mi deklaras la kongreson malfermita!

★

## Salutoj.

Por saluti la kongreson nome de la Fed. de Sindikatoj de la distriktoj Antverpeno kaj Turnhout, ĉeestis ties sekretario, kdo Gustave Laroche, kiu per elokventa flandra parolado, kiun oni atente aŭskultas, klarigas la malfacilaĵojn kiujn havas la belgoj, kompare al la nederlandanoj, en la klerigado de la laboristoj. Li bedaŭras, ke li mem ne scipovas esperanton, kiun lingvon li opinias esti forta esprimilo en la internacia kontakto. La de li ne atendita tiom multvizitata kongreso pruvas al li ke esperanto jam konstateble disvastiĝas. La malpli bona instruado en Belgio antaŭ kaj dum la milito ankaŭ malhelpas la lernadon de esperanto. Ĉar li komprenas, ke estas facile nur esprimi bondezirojn kaj simpation, kdo Laroche aldonas, ke lia organizo promesas fari ĉion eblan, por ke esperanto renkontu inter la belga laboristaro tiom da simpatio kiom en Nederlando. Li jam povas anonci, ke lia organizo decidas aliĝi al la Federacio kiel simpatianta membro-organizo. *(Forta aplaŭdo.)*
Sekvas bondeziro por la kongreso de delegito de IFETT kiu esprimas la deziron, ke la kunlaboro de ambaŭ organizoj restu bona kaj plifortiĝu.

*Envenis* salutleteroj de SAT, de la SAT-kongreskomitato en Valencia, de amsterdama kdo, kaj telegramo de la franca LEA. La kongreso decidis resendi telegramon al la franca LEA, kiu en la samaj tagoj kongresas.

*Ne ĉeestas* la sekcioj Bautsch-Terwinselen, Broek in Waterland, Enkhuizen, Gorkum, Huizen, Kerkrade, Koog a. d. Zaan, Ostende, Tessel, Zeist.



**PRITRAKTO DE LA TAGORDO.**

**Jarraporto Fed.-estraro.**

Kdino Rademakers *(A'dam XIII)* demandas kial la Fed.-estraro ne informas la kongreson pri la apelacio de ĝekdoj Klatil. Ili ne povis esti eksiĝitaj laŭ art. 8 de la regularo. La apeldorna rezolucio ankaŭ ne estas aplikebla, kiu cetere devas esti nuligata.

Kdo De Wit *(A'dam VI)* volas scii kial ne aperas raporto de la redaktoro de LE. Li deziras ke la Fed.-estraro cedu pli da tempo por SAT kunvenoj dum la kongreso. Mankas ruĝa fadeno en la broŝuro de kdo De Bruin. Pri la eksiĝoj Klatil li havas la saman opinion kiel A'dam XIII. Kial tiu eksiĝo estas traktita en la konsilantara kunveno?

Priparolante la aferon Minke li opinias, ke ne ekzistas pruvoj ke li kontraŭagadis sian sekcion, sekve la eksiĝo fare de la sekcio A'dam II ne estas praviĝebla. La informoj pri tio en LE estas falsaj. Lia sekcio opinias la enhavon de LE sensignifa, ne aperas en ĝi artikoloj pri klasbatalo, nek leteroj senditaj el aliaj landoj. La Maja numero de LE estis unutendenca. La red. ne donas okazon al la membroj skribi en LE, artikolojn de kontraŭuloj li rifuzas, dum li akceptas de favorantoj.

Kdo P. Krijt *(A'dam II)* opinias ke estus bone, ke tiuj kiuj estas kontentaj pri la gvidado kaj agado de la Fed.-estraro ankaŭ aŭdiĝas sin. Lia sekcio, sciante ke la plej granda plimulto staras malantaŭ la Fed.-estraro, sed tion ne montras per meritvortoj komisiis al li esprimi ĝian aprobon al la ĝenerala estrado, por ke ne ĉiam reĝu la kritikemuloj. Li forte laŭdas la laboron de la Fed.-estraro.

Brauckman *(Hillegom)* konvinkiĝas ke la estraro ege laboras, sed ne laŭ lia deziro. Pro sia kreskado la Fed. fariĝas ruĝeta. Eksiĝoj ne okazas lojale. Li same kiel De Wit kritikas la forsendon de la telegramo al VARA (v. d. Lubbe), ĉar la Fed.-estraro ne faras tion en aliaj okazoj.

Por la *Fed.-estraro* respondas Faulhaber, Veen kaj Alings.

Ili respondas ke la eksiĝoj de ĝekdoj Klatil kaj Muŝik okazis tute regule, sekve de la apeldorna rezolucio, kiu laŭprincipe en tiu okazo estas aplikebla. Demandite ni tion respondis, ankaŭ en la pasintjara kongreso. La eksiĝitoj estas kunfondintoj de ISE, kion ili ne kaŝas. Apelacio tial ne povas okazi, ĉar la malpermesita ago ne estas nuligita kaj la Fed.-estraro ne aĝis senrajte, sed laŭ kongresdecido. La pritrakto en la Fed.-konsilantaro ne okazis pro apelacio, sed ĉar la F K estas konsiderata kiel pli vasta estraro de la Fed. Finfine ni zorĝu, ke ne ĉiujare venu en la kongreso tiaj jam finparolitaj aferoj kiuj tedas ĝin. Kongreso estu organiza instruilo.

Rilate al ruĝeco ekzistas diversaj opinioj. La broŝuro De Bruin ekz. ĝuste pro ruĝeco estas malpermesita leĝaĵo en la roterdama poŝtista lunĉejo. Ŝajnas tamen, ke la Fed. ne perdis sian ruĝecon, ĉar la delegito de sekcio Hillegom, kiu opinias la Fed. ne sufiĉe ruĝa, eĉ ŝanĝis sian nomon, por kovri sian membrecon de la Fed.

Raporto pri L E de la redaktoro estas superflua. La red. nur malofte ricevas taŭgajn artikolojn kaj same malofte rifuzas ilin. La konfliktkomitato nur unufoje bezonis funkcii. Leteroj en aliaj landoj por publikigo en L E preskaŭ ne envenas. Tiuj el Sovetio, kiujn multaj ricevas, ne estas publikigindaj, ĉar ili ne estas leteroj sed kopiaĵoj kaj ŝablone skribitaj. Cirkulero Minke estis sendita al la sekcioj, do pro tio, same pro la lasta alineo en ĝi, ne metita en L E.

Por la Maja L E estis forsenditaj al ĉiutendencaj organizoj kaj personoj kelkcentoj da cirkuleraj leteroj. Se do el tiuj tendencoj ne venas artikoloj por L E ni devus konkludi ke ne estas tie intereso por nia afero aŭ ke la anoj el aliaj kampoj ne tiel intensive propagandas. L E restu informgazeto ĉefe holandlingva. Artikolojn pri klasbatalo kaj pli malpli sciencajn oni jam povas legi en sia propra lingvo kaj esperantlingve oni devas legi ilin en internaciaj gazetoj.

Parolas en dua instanco kelkaj delegitoj kaj kdo Vrees *(Bussum)* pri sia kritiko en LE al la lernolibro Minke kaj kdino v. Veenendaal *(W. Graftdijk)* kiu deziras alian lernolibron krom tiu de Lem, kiu pro la tendenco ne ĉie, ekz. en la lernejo, estas uzebla. La Fed.-estraro konsentas kaj respondas ke ĝi jam faras la necesajn paŝojn.

**Financaj raportoj-budĝeto.**

Kdo J. de Wit *(A'dam VI)* faras rimarkon pri la elspezoj por la sekretariejo (f 80.—) kaj la f 500.— por la adm. kaj libro-servo. Estos sufiĉe da kamaradoj troveblaj kiuj senpage volas helpi.

Alings respondas, ke tiuj sumoj jam estas aprobitaj en la antaŭa kongreso. Estas sufiĉe konate, ke de tiuj sumoj ne profitas la sekretario kaj kasisto mem. Ili servas por repaĝi pli altan luprezon de la loĝejo de la sekr., kiu pro la Fed. estis de la dommastro devigita translogi kaj por pagi servistinon por kdino Koch kiu ĉiutage helpis sian edzon kaj disponigis sian hejmon por la libro-servo ktp. Ĉar ni nun luis apartajn ĉambrojn por ĝi kaj la edzino de la kasisto ne plu povas helpi lin, la sumo de f 500.— ne plu tute estas bezonata. Nun frato de la estrarano Kroonder regule laboras por ni. Sed se la Fed. restas kreskanta, tiam venos la tempo, ke ni bezonas pagitan helpanton. Le helpopretaj gekdoj en nia movado ja ĉiuj estas sufiĉe okupataj. La raportoj kaj gvidado estraro estas aprobataj. Sekcio A'dam VI estas kontraŭ.

*Paŭzo je la 17a horo.*



**DUA KUNSIDO** je la 19.30a horo.

**Proponoj kaj amendoj.**

**Kotizo (1-3).**

La ensendintaj sekcioj defendas siajn proponojn, kiujn *Dordrecht* subtenas kaj *A'dam V* kaj *Gent* rifuzas.

Faulhaber kaj Alings por la estraro konsilas ne akcepti la proponojn pri ŝanĝo de la kotizo. La sekcioj kiuj pro kio ajn spertas financajn malfacilaĵojn turnu sin al la Fed.-estraro, kiu fiksis por subvencio sumon en la budĝeto. Ĉe diversaj kotizoj la administrado fariĝas tro implika. Por konstati kiel la senlaboreco influas nian agadon ni petis informojn al la sekcioj. Nur 9 sekcioj respondis, tiel ke ni ne posedas taŭgajn ciferojn por juĝi pri la neceso de kotizŝanĝo. Per 1683 kontraŭ 360 la propono de la Fed.-estraro, ne ŝanĝi la kotizon, estas akceptita.

**Membreco. (prop. 4-8).**

Ĉar la propono de la Fed.-estraro montriĝas profita kelkaj sekcioj pledas por akcepto, kaj A'dam VII kaj Apeldoorn reprenas siajn proponojn. *Gent* instigas ke la sekcioj postulu trimonatan kotizon ĉe la aliĝo. Alings por la Fed.-estraro konsilas akcepti la estrarproponon.

Ni eduku la membrojn tiurilate kaj informu ilin pri la regulo, ke nur ĉe la fino de kvaronjaro oni rajtas eksiĝi. Se oni timas tamen nepagon de kotizo por plena ¼ jaro de eksiĝonto, tiam la sekcioj postulu ĉe la aliĝo enirmonon de ekz. f 0.50.

Propono 4 de la Fed.-estraro estas aprobita kontraŭ la aliaj proponoj per 2048-166 voĉoj.

**Nekuniĝebla membreco. (Propono 9).**

*A'dam XIII* proponas ke la amendo Hago I estu ŝanĝata tiel ke legiĝas „decidas" anstataŭ „esprimas la deziron".

*Hillegom* deziras ke ni estu kontraŭ la dekstruloj kiel ni ankaŭ kontraŭstaras maldekstrulojn. Purmerend, Wieringen kaj Zaandam ne deziras la malpermeson. A'dam V opinias superflua la amendon de Haarlem II ĉar laŭ la regularo la sekcioj povas eksiĝi tiujn kiuj kontraŭagas nin. Ĝi estas por la amendo Hago I.

*Haarlem II:* la burĝoj kontraŭas nin ĉiutage. Se ni ne malpermesas la anecon al burĝa societo, ni ankaŭ nuliĝu la apeldornan rezolucion. *A'dam VII* volas fari ĉion eblan por tiri el la burĝa movado ĉiujn kiuj povas trovi lokon ĉe ni.

Por la Fed.-estraro Veen kaj Faulhaber respondas, ke la t.n. neŭtraluloj havas sian propran agadkampon, kiel akcentis jam A'dam V, sed IPE kaj ISE agadas en niaj vicoj, do subfosas nin kio efikas skisme. Permesi la anecon al IPE kaj ISE signifas, ke, se la propagando de la anoj de tiuj organizoj sukcesus, la Fed. disfalos en kelkaj partoj aŭ devos siatempe decidi aliĝi al unu el ambaŭ, kiu decido denove ne kontentiĝos grandan parton el nia anaro. Tion ni ne povas toleri. Tamen ni malvolonte vidas, ke niaj membroj donas siajn kapablojn al burĝa societo. Tiaj membroj por ni ne valoras kaj eĉ povas estiĝi konfuzon. En tiu okazo sufiĉas esprimi la nedezirindecon, do la Fed.-estraro konsilas akcepti la amendon Hago I, kiu estas gvidlinio por la sekcioj. Ni konsideru, ke la aliaj organizoj laboras flanke de ni kaj ke ni en kelkaj okazoj devos povi kunlabori.

Haarlem II reprenas sian amendon. La amendo Hago I estas akceptita per 2056 kontraŭ 27 voĉoj de sekcio Purmerend.

**Statuto-Regularo Ŝanĝo. (Propono 10).**

Kelkaj sekcioj esprimas sin kontraŭ la propono. Hoek v. H. volas, ke ni evitu la klasbatalon inter ni. A'dam V deziras aŭdi de Hillegom kiel ĝi imagas al si „partopreni" la klasbatalon. H'gom defendas la proponon kaj montras per propono 19 kiel i. a. ĝia propono estas efektiviĝebla. Cetere ni serĉu por tio la vojon.

R'dam I konsilas ke ĉiuj en propra partio partoprenu kiel esp.istoj la klasbatalon. La propono estas sensencaĵo, ĉar nia fed. konsistas el klasbatalantoj.

Alings por la Fed.-estraro samopinias kun R'dam I, nenio ŝanĝiĝas ĉe akcepto de tia propono. La art. 2 de la statuto distingas nin de la aliaj kaj montras nian direkton. Haarlem II konsilas repreni la proponon kion H'gom ne faras.

Ĝi estas malakceptata per 2039 kontraŭ 13 voĉoj (Hillegom) kaj 33 voĉoj neŭtraj (A'dam VI-Haarlem II).

**Propono 11.**

Kelkaj sekcioj opinias nenecesa la proponon kiun defendas A'dam X. La Fed.-estraro diras, ke okazas nur malofte eksiĝo, kaj por eksiĝoj laŭ la rezolucio ne ekzistas apelaciorajto, ĉar tiam la membreco finiĝas aŭtomate. Se eksiĝitaj akiros parolrajton en kongreso, tiam ĝi ne plendu pri tedo kaj forrabo de tempo destinata por pli utilaj aferoj. Restu tiurilate en nia memoro la kongreso de Apeldoorn. Ni akordiĝu al la kutimo en aliaj grandaj organizoj kaj partioj, kie eksiĝitoj ankaŭ ne rajtas persone defendi sian aferon. Ĉe multaj eksiĝoj tio eĉ ne povus.

La propono estas malakceptita. 1873 voĉoj estas kontraŭ, 212 por (sekcioj A'dam VII, X, XIII, Delft, Hillegom).

**Ekzamena Komitato. (Proponoj 12-13).**

La prez. klariĝas la ekz. aferon kaj informas, ke niaflanke ĉio estas farita por ke la fed. estu akceptita en la EK de LEEN-NK. Venis nova projekto de LEEN, kiun ni principe akceptis. Intertempe ni daŭrigas nian laboron, ĝis kiam realiĝos la kunlaboro. Ĉiuvoĉe aprobite.

**Nia gazeto. (Proponoj 14-15).**
A'dam V kaj H. v. Holland ne estas por; S-ulo estas por tio. H'gom deziras la diskutejon en LE por utiligi ĝin al la fed. bezonoj. La prez. timas ke diskutejo fariĝos disputejo. La redaktoro ne bezonas multon aldoni al tio kion li diris pri LE en la 1a kunsido. Taŭgajn artikolojn li ricevas ne ofte, kaj ili trovis lokon en LE. Kion li ne aperigis estis nur kelkaj ensenditaĵoj. Legindajn artikolojn la red. volonte akceptas. Ili estu tamen holandlingvaj kaj rilatu iel al la esp. afero.
Hillegom reprenas la lastajn tri liniojn de la propono ĉar oni opinias ke la konfliktkomitato LE sufiĉas.
La proponoj tamen estas malakceptitaj per 1760-325 voĉoj. (Por estas A'dam VI, VII, XIV, Arnhem, Delft, Hago IV, Haarlem II, Hillegom, R'dam VIII, Zaandam.)

**Prop. 16-17.**
Esprimiĝas diversaj deziroj pri L E—S-ulo. Pli oftan aperigon de L E oni deziras sed same ne volas malaboni S-ulon. Haarlem II volas malabonigon de S-ulo por ke L E aperu denove 2 foje monate. Novaj membroj ne tuj povas legi S-ulon.
Post klarigo de la Fed-estraro, ke la kaso ne permesas krom S-ulo liveri 2 foje monate L E, kaj ke dezirinde restas la livero de S-ulo al ĉiuj membroj, ĉiuj sekcioj reprenas la proponojn.

**Kantaro. (Propono 18).**
Post iom da interdiskuto la kongreso konsentas, ke la Fed.-estraro esploru la eblon eldoni la proponitan kantaron.

**Korespondado. (Propono 19).**
A'dam V volas ŝanĝi la proponon en deziresprimon, ĉar ne estas speciale fed.-afero. Ni ne povas en tio devigi la sekciojn. La kongreso samopinias.

**Lernolibro. (Propono 20).**
La prez. skizas kiel estiĝis Nia Lernolibro. Funde ŝanĝi ĝin ne estas eble nek dezirinde. Ni atentu ankaŭ la opinion de la verkinto. La Fed.-konsilantaro transdonis al la Eks.-kom. la taskon esplori la eblon eldoni alispecan lernolibron flanke de NL.

**Diversoj. (Propono 21).**
Al kelkaj rimarkoj pro ĉi tiu prop. la Fed.-estraro respondas, ke ni devis decidi, post tiurilata demando de la presisto, ĉu ni eluzos la kompostaĵon farante el ĝi libron aŭ malkompostigu ĝin. La oferto de la presisto estis tiel, ke ni povas liveri la libron malaltpreza kaj al la kursanoj por prezo egala al la kostoj kiujn postulas la livero de kovrilo kaj bindigo. Kurso postulas pli da elspezoj kaj tute ne estas komparebla kun libro. Al kelkaj senlaboruloj ni liveris la kurson senpage aŭ duonpreze.
La kongreso kontentiĝas.

**Deziresprimoj. (Proponoj 22-25).**
Kvankam la Fed.-estraro ne opinias ĝuste ligi estontajn kongresojn pri la ordo, ĝi povas akcepti la motivigon de R'dam I ĉe ties propono. Ordopropono ne celu esti silentigo.
La Fed.-estraro transprenas tial proponon 25 de R'dam I.

**Prop. 26.**
Ĉar ankaŭ en la nuna kongreso oni esprimas la deziron, ke la Fed.-estraro donu antaŭe sian opinion, ĉu en la kongreso ĉu en L E, pri la proponoj por ke la diskutoj povus esti limigitaj la prez. diras, ke la estraro ne estas kontraŭ. Sed ĝi deziras kongres-decidon, ĉar antaŭe oni diris, ke la opinio de la estraro tro influas la kongreson.
La propono estas akceptita per 1333-457 voĉoj. Kontraŭ estis A'dam V, IX, XIV, Arnhem, Hago I, III, Haarlem II, Hillegom, R'dam I, II, IV, Wieringen, Wormerveer.
*Finiĝas la kunsido je 23.30a horo.*



**3a KUNSIDO** lundon 2 Aprilo.
Malfermo je la 10a matene.
Ĉeestas ĉ. 400 personoj.
(Antaŭ ĉi tiu kunsido okazis SAT-kunveno de la 8.30a-10a horo, kie oni decidas per 32-30 voĉoj, dum deko da anoj sin detenas, ne elekti regionan SAT peranton.)
Post malfermo per la kanto Fratoj al Sun', la prez., kdo Faulhaber, bonvenigas kdon E. Lanti el Parizo, kiu laŭ invito de la Fed. faros paroladon.
Li paroladas pri Absolutismo, kiu temo elvokas principan kontraŭdiron entuziasme respondita de la parolanto.
Ĉar el la kongreso venis la peto iel eldoni aŭ publikigi la paroladon, kion la Fed.-estraro esploros ni ĉi tie ne citas ĝin.
La prez. dankas kaj pritraktigas la reston de la tagordo.

**Prop. 27** fariĝis superflua pro prop. 12.

**Prop. 28 pri Fed.-estraro.**
Kelkaj sekcioj petas la opinion de la estraro, kiu respondas, ke pligrandiĝo de la estraro ne estas necesa. Jam funkcias kiel pli vasta estraro la Fed. konsilantaro. La kontakto kun la sekcioj estas bona.
Ĉar nur du sekcioj (A'dam VII, Hillegom) kun 78 voĉoj estas por, la prop. estas malakceptata.

**Estrarelekto.**
En la kunveno Hillegom kandidatigas kdon J. de Wit (el sekcio A'dam VI) kaj A'dam VI kandidatigas sian membron Jansen.
La kongreso decidas ne-akcepti tiujn neregulajn kandidatigojn. La prez. informas ke kdo Koch estas preta akcepti denove kandidatigon same kiel la aliaj estraranoj.
La nuna estraro estas reelektata kontraŭ la voĉoj (10) de A'dam VI.

**Elekto kongresloko.**
Sekcio Bussum invitas la 20an kongreson, kiu invito aplaŭde estas akceptita.

**Konfliktkomitato L E.**
En la konfliktkomitaton LE oni elektis la kdojn Kruyt, Liedermooy kaj Naerebout per resp. 1399, 757 kaj 1436 voĉoj.

**Privataj kursoj.**
R'dam III transdonas deziresprimon kontraŭ la starigo por propra profito, de kursoj sen ke oni akiris la permeson de la sekcio. Akceptite.

**Membriĝo infanoj.**
Post tio la kongreso akceptis estrarproponon, ke plenrajta membriĝo al la Fed. ne estu ebla por infanoj. Por membriĝi oni do estu almenaŭ 16 jara. Por infanoj la sekcioj faru ion apartan. La Fed. konsilantaro komisiis sian anon kdinon Tillemans fari la necesajn paŝojn en kunlaboro kun ĝekdoj v. Veenendaal por ke la infankursoj havu iun efikon.
A'dam XI kaj R'dam III ankoraŭ priparolas la senditan al Vara telegramon. Tio kaŭzis malfacilaĵojn en la sekcio, ankaŭ ĉar la Fed.-estraro ne akceptis prop. de A'dam XI por sendi telegramon al Germanio ĉe la Leipziga proceso.
Pri eldono de Majo-numero Alings respondas, ke pli bone estas fari en ĉi tiu jaro specialan propagandon antaŭ la kursoj. Tiucele ni organizu verdan semajnon kun apartaj aranĝoj. Intertempe ni propagandu per niaj broŝuroj kaj event. flugfolieto.
*Je la 12a finiĝas tiu ĉi 3a kunsido.*
Kdo Willekens por la kongreskomitato parolas kelkajn adiaŭajn vortojn. La vizitado estis vere impresa. Kompare al aliaj kongresoj en Antverpeno, li diras, la aspekto estas tre bona, ĉar la vizito restis multnombra kaj la intereso vigla, ĝis por lia urbo ne kutimaj malfruaj horoj. Ĝi postlasas pro tiu seriozeco bonan impreson al la laboristaj instancoj en Belgio.
Li nun invitas al ĉeesto de la boatekskurso prezentita de la komunumo, kiu okazos de la 2a-5a horo kaj dankas la Fed. pro la fido kiun ĝi montris en la juna kaj ankoraŭ malgranda sekcio Antverpeno.
Antaŭ ol fermi la kongreson la prez., kdo Faulhaber, turnas sin al la Antverpenaj kaj entute al la flandraj ĝekamaradoj kiuj diras;
Ĝis nun vi konis nian organizon nur de malproksime, nur nebule. La ĝekamaradoj, kiujn vi delegis al la fed.-estraro nur povis ion rakonti pri ĝi. Sed hodiaŭ kaj hieraŭ vi vidis nian federacion en ĝia konkreta formo, en ĝia tuta agado. Vi ekkonis ĝiajn problemojn kaj aspirojn. Mi esperas, ke la okazo de nia kongreso en tiu ĉi parto de nia lingva regiono estos por vi morala subteno kaj instigo por daŭrigi la pioniran laboron en tiu ĉi parto de nia lingva regiono.
Delegitoj kaj aliaj kongresanoj!
El niaj priparoloj dum tiu ĉi kongreso estu al vi klare, ke nia federacio povas daŭrigi sian laboron laŭ sia nuna skalo **nur**, kiam ĝi baziĝas sur la devizo, ke ni evitu ĉion, kio povas disigi nin, kaj serĉi ĉion, kio povas nin unuigi!
Disvastiĝu tiun devizon en viaj sekcioj por ke ankaŭ en la venonta jaro nia federacio prosperu same kiel en la jaro pasinta.
Ĝis en Bussum!
Ĉe kanto de la Internacio la anaro disiĝas, ĝis post du horoj komenciĝas la ekskurso tra la haveno. A.

## VOOR DE GEVORDERDEN.

De „daŭrigaj kursoj" beginnen weer, en menigeen wil z'n reeds opgedane kennis nu uitbreiden. Welnu men schaffe zich dan terstond aan:

**La Konsilanto** pri la esperanta gramatiko, door G. J. Degenkamp (taalmoeilikheidjes in 't nederlands verklaard), 120 pag. f 0.85
**La Gvidilo** tra la esp. movado, door G. P. de Bruin (geheel esp.), 48 pag. ............ - 0.40
**Vóór 't eksamen A.** Eks.-taken, oefeningen, raadgevingen enz. ............ - 0.25
**Tra la Labirinto** de la esp. gramatiko, door F. Faulhaber, - 2.50
Afdn. 10% korting.

Nagenoeg alle esperanto-literatuur kan door ons uit grote voorraad geleverd worden.

Libro Servo FLE, Valentijnkade 2, Amsterdam (O.), Postgiro 111278.

## Waar men aan denken moet.

*Een Bewijs van lidmaatschap*
moet elk lid bezitten. Men denke daarom bij het inschrijven van nieuwe leden. Dit lidmaatschapboekje, tevens inhoudende Statuten-Reglement en zegelvakjes kost f 0.10. (Afdn. betalen aan de Fed. slechts f 0.07).

*Op 1 Mei*
kolporteert men met de brosjure „Wat ieder van Esperanto weten moet" van G. P. de Bruin, en „Esp. op de scholen" f 0.05.
Meinummer L E en Amerika bestond reeds, nog verkrijgbaar. Prijs 1 sent.
E. Lanti „Het Arbeiders-Esperantisme" f 0.10 (40 pag. nederlandse tekst).

